PORTO ALEGRE, SOMERO 1992 1_A JARKOLEKTO N_RO 4

HAGAR — DIK BROWNE




# Jes Ja!



BILDO

## HOMOJ ANSTATAÙAS SHARGHVETURILOJN EN AMAZONIO




Azenoj kaj sharghveturiloj estas anstataùataj de viroj en Manaus/AM. Ili devas marshi ech po unu kilometro kun ghis 180 kilogramoj da bananoj surdorse gajnante po 50 kruzejroj je chiu grapolo.

NOVA ERAO

## ODETTE LARA: SPIRITECO NE ESTAS SENKONSCIO

ODETTE LARA, 62_JARA AKTORINO, ADEPTINO DE ZEN_BUDHISMO, TRADUKIS KAJ ANTAÙPREZENTIS LA LIBRON "PARA VIVER EM PAZ: O MILAGRE DA MENTE ALERTA", FAR THICH NHĂT HANH (ELDONEJO VOZES). JEN SUBE TEKSTO KIUN SHI ANKAÙ SKRIBIS SURKOVRILE DE LA LIBRO:

Antaù la malnova ripetitajho laù kiu la spiriteco estas sinonimo de prisocia senkonscio, mi diras, ke tra mia longa vivsperto mi konstatis ghuste la kontraùon: nur la homoj kiuj kultivas sian spiritecon kompatas pri la aliula sufero kaj ighas kapabla fari ion konkretan kun la celo malgrandigi ghin. La terura socia malekvilibro kiun ni spektas nuntempe ne shuldighas al nutrajhmanko sed al manko de honto, konscienco kaj kompato.




Kaj tiuj ne povas esti trovataj sur la altaro de la materiismo kiun nia civilizo kultas. Se al mi oni povas atribui senkonscion pro tio, ke mi pensas tiamaniere, kion oni atribuos al Alexandr Solzhenitsyn, kiu antaùnelonge surprizis Universitaton de Cambrige kie li asertis: Post jardekoj de suferado, perforto kaj subpremo, la homa animo sopiras pri aferoj pri noblaj, pli teneraj kaj pli puraj ol tiuj kiuj estas

**Jes Ja!**

**Redaktas:** César Dorneles Soares. **Redakcia adreso:** Mal. Frota, 278, BR-91350 Porto Alegre, RS, Brazilo. Tel. (0512) 44.2591. **Sendata al** SC PR SP RJ MG ES DF GO BA AL PB CE AM. **Abonu tri numerojn kontraù 6 poshtmarkoj.** Onu petas intershanghon.

ofertataj de la aktualaj vivkutimoj en Okcidento, enkondukitaj de la indigniga reklamadinvado, de la malviglighо de la TV [el kiu la programero "Aqui e Agora" estas granda ekzemplo...] kaj de la netolerebla muziko. Chu estas juste, ke la homa vivo kaj la sociaj aktivecoj havu kiel nura celo la materian ekspansion? Chu estas permeseble, ke tia ekspansio estu aranghita malhelpe de nia spirita integreco? Se la mondo ne alvenis al sia


Solzhenitsyn

fino, alvenis nun la pli granda shangho en ghia historio, egala al graveco al tiu de Mezepoko al Renesanco. Tio postulos de ni iun spiritan reprenon. Ni devos vekighi al tiu vivpercepto pli alta, al iu nova vivsistemo en kiu nia fizika naturo ne estu malbenita tiel kiel ghi estis dum Mezepoko sed, pligrave, nia spiriteco ne estu "tretita" tiel kiel ghi estas en nia erao."

ESPERANTO

## LA PAPO PAROLIS ESPERANTE AÙGUSTON EN POLLANDO

La 15-an de aúgusto 1991, antaù amasa kunveno de katolikaj gejunuloj en Czestochowa, Papo Johano Paùlo II fermis plurlingvan alparolon per du frazoj en Esperanto. Radio Vatikano poste elsendis la Esperantan saluton en sia internacia programo. Kvankam kelkaj papoj jam esprimis subtenon al Esperanto, kaj la nuna ofichavanto uzis la lingvon dum li estis chefepiskopo en Krakovo, chi tiu shajnas esti la unua uzo de Esperanto fare de la estro de la katolika eklezio.

El "Esperanto"







ESPERANTO

## ALBERTO FLORES: KIEL MI FARIGHIS ESPERANTISTO

INGH. ALBERTO FLORES, PROFESORO KAJ FONDINTO DE VOLTA REDONDA ESPERANTO_KLUBO PREZENTAS SIAN PERSONAN RAPORTON PRI SIA ESPERANTISTIGHO:

Kiam mi estis lernanto che Gimnazio Júlio de Castilhos, en Porto Alegre/RS, mi interesighis pri internacia korespondado kaj alighis al Internacia Studenta Asocio, kies celo esti faciligi la intershanghon de leteroj inter gejunuloj de la tuta mondo. Tiamaniere, la ideo pri internacia amikeco, toleremo, kunlaboro, frateco kaj paco kreskis kaj farighis mia kora idealo. Iun tagon, kiam mi ankoraù estis junulo, Pastro Jozefo Nogejra Mashado, SJ, donacis al mi portugalan tradukon de la tezo de D-ro Zamenhof - "Esenco kaj Estonteco de la Ideo de Lingvo Internacia". La klara, bela kaj logika argumentado kaptis min por la idealo de Esperanto. Mi vizitis la BEL_UEA_delegiton en Porto Alegre, S-ro Ary Zamora, kiu afable kaj amike informis min pri la Esperantista Movado. Li donacis al mi la libron "Metodo de Esperanto", kompilita de Ismael Gomes Braga kaj eldonita de FEB, en 1938. Tiu libro konsistis el "Primeiro Manual de Esperanto" (kun shlosiloj de la ekzercoj kaj vortareto), la famaj "Ekzercoj de D-ro Zamenhof" (Patro kaj frato. -

Leono estas besto. - Rozo estas floro. - ktp), la "Paroladoj de D-ro Zamenhof en la Unuaj Esperantoj-Kongresoj", kaj aliaj legindajhoj. Mi tre ghojis, ricevinte tiun donacon. La sindonemo kaj afableco de S-ro Zamora tre impresis min. Mi tre deziris bone koni la internacian lingvon. Por akiri esperantajn librojn mi vizitis D-ron Benjamin Camozato, kiu vendis al mi la verkojn "Dicionário Esperanto-Português", de Jozefo Joels, kaj "Gramática de Esperanto", de Alberto Couto Fernandes kaj Hernani Motta Mendes (post tiu libro nomighis "Curso de Esperanto em 20 lições"). La bonan metodon "Esperanto sem Mestre", de F.V. Lorenz, mi zorge trastudis, kaj komencis posedi la lingvon. La unua libreto kiun mi legis estis la historio de "Karlo", verkita de la sviso Edmond Privat. Post mi tralegis chiujn paroladojn kaj lingvajn respondojn de D-ro Zamenhof. Esperanto farighis mia granda idealo. Mi alighis al ESPA [Esperantista Societo de Porto Alegre] kaj ech estis ghia estrarano kaj prezidanto. Mi chiam faris mian eblon por helpi la disvastigon de E-o. Mi organizis kursojn, skribis artikolojn kaj informojn por la jhurnaloj, kaj multe legis kaj uzis la verdan lingvon. Tiu "laboro" tre plachis al mi kaj chiam donis al mi multe da ghojo, felichon kaj geamikojn tra la tuta mondo. Post mi translokighis de Porto Alegre al Volta Redonda/RJ, por labori che CSN kiel metalurgia ingheniero. En Volta Redonda mi fondis E-klubon (antaŭ 36 jaroj) kaj instruis (kaj mi ankoraŭ instruas) E-on. Tiu lingvo estis al mi tre utila, kiam mi vivis kaj staghis, dum unu jaro, en shtaluzinoj de Germanio, kaj vojaghis tra Eŭropo; kaj ankaŭ mi estis en Usono dum kelkaj semajnoj. Mi havis la plezuron partopreni en du internaciaj E-kongresoj: en Mainz, germana urbo, kaj en Braziljo. Multajn interesajn travivajhojn mi vivis, danke al Esperanto, sed pri tio ne estas eble rakonti nun. Eble en alia oportuneco. Ghis!

---




Supre, disdonado de atestilöj en 1952 che ESPA: maldekstre dekstren, Boris, Flores, Cini kaj Camozato.

* * * * * * * * * * * * * * * * * *

ESPERANTO

## STALIN ENMETIS LA ESPERANTISTOJN EN LA PRIZONON

---

En la Granda Purigo de 1937/38 [sub la reghimo de Stalin] pereis la sovetia Esperanto-movado. La horora aresta ondo sinsekve malaperigis unue la gvidantojn, poste ankaŭ milojn da ordinaraj membroj. Pri la kialo la arestitoj eksciis nur post sia alveno en la malliberejo - aŭskultante tie la stereotipan kulpigon "Vi estas membro de internacia spiona organizajho..." Kion tio signifas? Esence, temis pri tio, ke korespondado ne plu konformis al la interesoj de Soveta Unio sub Stalin kaj ke Esperanto servis kiel tro efika ilo en la perkoresponda komunikado de sovetianoj kun eksterlando, alportante informojn el okcidento, kiuj invitis al komparoj nefavoraj por la soveta reghimo, kaj elportante sciigojn pri la chiutaga vivo de Soveta Unio, kiujn la oficiala propagando nepre volis kashi.

Ulrich Lins

---

HUMURO

# ANEKDOTOJ POR LA REPERTUARO DE SAMIDEANO BORIS ESTON



JEN KELKAJ FRESHDATAJ ANEKDOTOJ PRI POLITIKAJ TEMOJ ELPRENITAJ DE "FOLHA DE S.PAULO":

## Usono kaj USSR en la jaro 2000

En la eksa USSR la desintegrado de la imperio farighis la chefa fonto de mokoj. Tiu chi estas pri Gorbatchev kaj Bush, glaciigitaj dum dek jaroj. En la jaro 2000 ili estas senglaciigitaj. Unua ago: legi la jhurnalojn de la tago. Gorbatchev ekridegas. "Kial vi ridas, Mikhail?" - demandas Bush. "Mi legas chi tie", klarigas Gorba, "ke hodiaù unu germana marko valoras dek dolarojn." Bush "englutas aeron". Post dek minutoj, Bush komencas ridegi. "Kial vi ridas, George?" - demandas Gorba. "Mi legas chi tie", klarigas Bush, "ke Germanio frontas landlimajn problemojn kun Chinio."

## Baker kaj la paco en Mezoriento

Post multe da klopodtagoj por fari, ke la gvidantoj de Mezoriento komencis dialogon, James Baker, lacege, revelaciis al Bush, ke la afero ne plu elteneblas. "Kial?", demandas Bush. "Temas pri Shamir", diras Baker. "Kion li faris nun?", demandas Bush, kolerete. "Li konsentis redoni chiujn okupitajn teritoriojn", diras Baker. "Escepte Novjorkon."

## Iu pri irlandanoj

En londonaj "pub-oj" oftighas spritajhoj pri irlandanoj. Jen unu: du irlandanoj parolas pri la stulteco de la filoj. "Mi pruvos al vi kiel mia filo Mick estas azenulo", diras la unua. "Venu chi tien, Mick", li alvokis. "Prenu unu pundon. Iru al la urbocentro kaj achetu iun Rolls-Royce." Kaj Mick iris. "Tio estas nenio", diras la dua, "Atendu ghis vi vidos mian filon Pat. Venu chi tien, Pat; iru al la "pub" Sullivan kaj vidu chu mi trovighas tie." Kaj tien iris

Pat. Survoje Mick kaj Pat renkontas unu la alian. "Mia pachjo ordonis min iri al la urbocentro kun unu pundo por acheti unu Rolls-Royce. Sed la vendejoj restas fermitaj dimanche." "Tio estas nenio", diras Pat. "La mia ordonis min iri al la "pub" vidi chu ili estas tie. Chu li ne estus povinta telefoni?"

* * * * * * * * * * * * * * * * *

ESPERANTO
## NE MISELEKTU LA VORTOJN! . . .

FALTAR - Iom paradokse, al chi tiu portugala verbo respondas en E-o jen "manki", jen "resti". "Falta aqui um livro!": "Tie chi **mankas** libro!"
"Já vendeste os livros todos? - Não, ainda falta aquele romance.": "Chu vi vendis chiujn librojn? - Ne, ankoraù **restas** ( ne **mankas**!) tiu romano."

MERCADO - La esperanta **merkato** signifas nur "achetkapablo de homgrupo" (PIV). Ekzemple: "la portugala **merkato** estas saturita per hispanajhoj" au stato de oferto kaj mendo" (PIV). Ekzemple: "la **merkato** falis". La ejo kie oni vendas oni nomas **bazaro** (ne **merkato**!): "en la **bazaro** che mi la viando chiam estas bona" (Z). **Superbazaro** estas "supermercado", kaj **pulbazaro** signifas "feira da ladra" [ en Brazilo, "mercado das pulgas", "brique"].

Far Salnevo,
en "Nia Bulteno"

EN "BARRA DO GARÇAS" - MT
13-a Brazila Esperantista
Junulara Kongreso
DE LA 19-A ĜIS LA 26-A DE
JANUARO 1992



## KELKVORTE



Mia baza vero estas tio, ke la tempo estas iu nuno, en ekspansio.
Shirley MacLaine

Estas du senfinaj aferoj: la Universo kaj la stulteco de la "homoj".
Albert Einstein

La jhaluza amato eltenas plibone la malsanon de la amata virino ol shia libereco.
Marcel Proust

Pli ol la ideoj estas la interesoj kiuj apartigas la homojn.
Tocqueville

Iam la bestoj parolis; hodiaùe ili ech skribas.
Barão de Itararé

La mondhistorio estas la resumo de tiu kiu povus esti evitita.
Bertrand Russel

En la idiomo estas la genealogia arbo de iu nacio.
Samuel Johnson

La romianoj neniam estis havinta tempon por konkeri la mondon se ili antaùe estus devigita lerni la latinon.
Heine

Ju pli la homoj pensas, des pli ili parolas.
Montesquieu

Vivi estas naskighi chiumomente.
Erich Fromm

1991

# "MAGIC" JOHNSON: LA BATALO KONTRAŬ AJDOSO KOMENCIGHIS

EARVIN "MAGIC" JOHNSON, 32-JARA, LA GRANDA IDOLO DE LA USONA BASKETBALO, SURPRIZIGIS LA MONDON ANTAŬNELONGE KIAM LI IGIS PUBLIKA, KE LI ESTAS PORTANTA LA HIV-VIRUSON, TIU DE AIDS. SUPRE "JES JA!" PUBLIKIGAS FRAGMENTOJN DE LIA KORTUSHA RAPORTO AL LA REVUO "SPORTS ILLUSTRATED":

"Sidighu, Earvin, mi havas la rezulton de viaj testoj", diris D-ro Mellmann, kiam mi alvenis. "Vi estas portanto de ajdosviruso", li finparolis. Subite mi sentis min malsana. Mi farighis senmovigita, en shokstato.

Kaj jes mi timis. D-ro Mellmann rapidighe diris al mi, ke mi ne suferis pri ajdoso, ke mi nur estis kontamnita de la viruso kiu povus iam igi min ekhavi la malsanon. Sed mi fakte ne estis aùskultanta lin. Dum miaj oreloj aùdis pri HIV, mia menso aùdis pri ajdoso. La maniero kiun mi elektis por fronti mian infekton pere de HIV estis diskonigi ghin.

## Batalanto kontraŭ ajdoso

Ghis la pasinta semajno mi estis ghuste kiel aliaj homoj tiulande: mi sciis preskaù nenion pri la realeco pri ajdoso. Mi ne estis atentinta pri la statistikoj kiuj montris, ke preskaù unu miliono da usonanoj estas HIV-portantoj, ke ch. 200 mil estas AIDS-malsanuloj kaj ke 125 mil jam mortis pro la malsano lastdekjare. Mia nescio preskaù mortigis min, sed mi volis fari kiel eble plej multe por ke neniu plu estus kondamnita de HIV pro la sama kialo. Venonttage mi restis en podiumo che Great Western Forum kaj mi elkore ekparolis. Mi diris, ke pro la HIV-pozitiva rezulto mi estos forlasinta NBA. Mi ankaù diris, ke mi estos farighanta peranto de la batalo kontraù la viruso de la homa imunodeficito kaj defendanto de la praktiko pri sekura sekso pere de utiligo de kontraùkoncepktiloj. Mi ankaù diris, ke mi venkos la malsanon. Kaj mi venkos.

## Momento de emocio

Post kiam mi eniris en la vestejon de Forum mi rimarkis la esprimon pri maltrankviligho sur la vizaghoj de miaj kolegoj. Mi strebis esti optimisma, sed mi ne volis perdi tempon. Mi diris, ke mi prezentis pozitivan rezulton en la testoj pri HIV kaj ke mi baldaù forlasos la sporton. Ghis tiu momento mi ne estis plorinta. Sed la momento diskonigi tiun novajhon al miaj kolegoj estis la plej emociplena el tiu tuta malfacila periodo.

## La infekto

Mi certas, ke mi estis infektita pro senprotektaj sekskunighoj kun virino portanta la viruson. Mi estas solidara al chia homo kiu devas kombati ajdoson, indiferente pri lia/ shia seksa prefero, sed mi neniam havis samsekseman sekskunighon en mia vivo. Neniam. Mi scias, ke kelkiuj ne trovos tiun klarigon tute kontentiga, ili rakontos pikmokajhojn en Wall Street, ili diros, ke mi estas gejo, sed ja ne gravas tio, kion ili eble diros pri mi.

Reuter-3.Jun.91



Se tiuj samaj homoj kiuj rakontas tiajn shercajhojn submetighos al la testoj kaj shanghos siajn vivstilojn ekpraktikante sekuran sekson, mi estos gajninta chiamaniere. Alitage sur CNN iu knabo diris, ke pro tio chio li ne plu portos mian T-chemizon. Fakte ne gravas al mi tia tipo de reago. Nune mi estas parolanta pri vivo kaj morto. Se tiu sama knabo kiu demetos mian T-chemizon komencos uzi kondomon dum li seksumos, mi estos gajninta alifoje.

### La vojo de Dio

Mi neniam estis la tipo de atleto kiu fanfaronas pri sia religio antaù chiuj, malgraù mi estis havinta iun fortan fidon ekde kiam mi estis infano. Tiu fido igis min konsenti la HIV-infekton kiam parto el mi demandis "kial mi?". La respondo estas simpla: estas la vojo de Dio. Nun li orientas min por farighi instruisto, por disvastigi la mesaghon pri la ajdosdangheroj al chiuj.

### Ekzemplo al junuloj

En la sekvantaj tagoj al mia publika sciigo mi ricevis enorman kvanton da leteroj, telegramoj kaj apogesprimoj. Ili estas tiel gravaj por mi kiel miaj kuracistoj kaj la kuracado kiun mi ekricevos baldaù. Ne chesu peti de mi aùtografojn. Mi ankoraù restos la sama optimisma kaj trankvila ulo de chiam. Eble iam mi povos helpi nin meti tiun aferon sub kontrolon kaj tiam mi povos farighi ekzemplo al la junuloj alimaniere. Ne kiel Magic Johnson kiuj faris ludhelpojn kaj poentojn, sed kiel Earvin Johnson frontanta la vivon - frontantan la AIDS-on.

* * * * * * * * * * * * * * * * *

TELEVIDO

## CRISTIANA OLIVEIRA NUN ESTAS MILA EN "AMAZÔNIA"



TV Globo ne plu superregas: ghi konkuras. Ekde la debuto de "Pantanal" antaù du jaroj la aùdienco de ghiaj fikciaj serioj malgrandigis po unu triono en la horaro de la 20.30h. Cristiana Oliveira konscias pri sia graveco je la fino de la monopolo de Globo. Shi nostalgie parolas pri "Pantanal", sed shi insistas, ke "Amazônia" [TV Pampa, kanalo 4, 21.30h] estos

pli sukcesa. "Ghi influos sur la televidan strukturon alifoje kaj pliintense." Ne la senfinaj bildoj aŭ la romantika intrigo - kiuj kontentigas la ordinaran publikon de televidaj serioj. Shi volas plie. En "Amazônia" la intrigo klopodos montri la konfliktojn diverskampe. De la apogeo de la kaŭchukokultivado al la degradado de la indiana kulturo. Ankaŭ la vivon kaj la mizeron de la kaŭchukokulturistoj. Ankaŭ tion kio povos okazi al Amazonio kaj al tiuj kiuj vivos en ghi estontece. La serio disvolvighos en du malsimilajn epokojn: la unua dum la jarcentkomenco, epoko de pli agresema koloniigo de la amazonia arbarego. Tie "eniras" Mila, iu nova Juma, la nova fikciulino de Cristiana. La dua estas preskaŭ sciencfikcia: ghi datighas en 2010 en iu probabla Amazonio. La du estas prezentataj samtempe. La sukceso de "Pantanal"", shi diras, "okazis char ghi estis la unua fikcia serio kiu montris la naturon, kiu estas iu "fikciulo" tre simpla, kiu tushis la homkorojn. "Amazônia", krom havanta chion tion, estas absolute inteligenta. Krom la sentemeco ghi pensigos la homojn."

## VOLAS KORESPONDI

Svisa mondcivitanino deziras lerni Esperanton, korespondante tra la mondo. Skribu al: Daniela Bredbühl, Juravorstadt 13, CH-2502 Bielo, SVISLANDO.

Bibliotekistino kaj nova esperantistino, 30-jara, dez. kor. pri geografio, literaturo kaj turismo. Iwona Broniewska, ul. Stalingradska 20 m. 112, PL-03-468 Warszawa, POLLANDO.

Francis Portelli, 30-jara, pri chiuj temoj. 67 Qormi Rd., Marsa, MALTA.

SINTENO

## VOJAGHO AL LA TEMPOTUNELO (1)

CHU NI REMEMORU LA "BONAJN TEMPOJN" (?) KAJ KOMPARU ILIN KUN LA NUNTEMPO? EL LA REVUO "CLÀUDIA" JEN TRI JARDEKOJ DA REVOJ, TIMOJ KAJ AMBICIOJ...

| | | 60 | 70 | 80 90 |
|---|---|---|---|---|
| | DIMANCHO DE LA FAMILIO | Pikniko | Tagmanghi aliloke | Spekti videofilmon |
| | NEPERDINDAJ RESTORACIOJ | Italtipaj restoracietoj | Bovrostajhejoj | Japana kuirarto |
| | VOJAGHBILETOJ ACHETITAJ AL... | Rio-de-Jhanejro | Salvador | Maceió |
| | RAVATAJ VOJAGHBILETOJ AL... | Eŭropo | Usono | Japanio |
| | KIE OKAZIS LA FLIRTO | Balo | Dancejo | Trinkejeto |

## EL LA LEGANTOJ

"Mi opinias, ke la revuo kiun vi faras estas tre bona kaj interesa. En estonteco mi planas krei ion similan che ni."
Przemek Grzybowski
Pollando

"Ni ricevis bonorde vian bonegan organon "Jes Ja!", aùtuna eldono, kaj dankas vin pro la atento. Daùrigu tiun laboron. La movado bezonas ghin."
Henrique Mendonça
Anápolis/ GO



"Mi rimarkis ke vi ne uzis la "chapelitajn" literojn en "Jes Ja!". Chu ne estas eble uzi ilin? Chu ne estas preferinde chapeligi mane? Krom tio, la revuo daùre bonas kaj agrablas. Gratulojn al vi."
Alberto Flores
Volta Redonda/ RJ

JES JA! respondas: Bedaùrinde pro teknikaj kialoj tute ne eblas uzi la tradiciajn "chapelojn". Oni uzas la rimedon elpensitan de la propra Zamenhof, tio estas, "ch", "gh" ktp.

"Mi volus havi informojn pri via gazeto. Mi estas lernanto de la lingvo Esperanto. Ankaù mi ne havas instruiston, mi estas aùtodidakto."
Newton M. Júlio
Jacareí/ SP

"Efektive via eldono estas tre bona, charma kaj leginda, char estas tre nuntempa kaj agrabla. Al mi tre shatis "La chefa obstaklo al E. estas psika", je printempa eldono. Gratulojn al vi. Daùrigu vi. Kial vi ne uzas komputilon por redakti la eldonon? Eble la problemo de rekta skribo elflugos for. La programo "editor" povas meti la chapelon sur la esperantaj konsonantoj. Tiun chi jaron ni kreis 8 novajn klubojn en Manaus, kun chirkaù 150 novaj gesamideanoj. Mi demandas de vi chu estas eble sendi "Jes Ja!" almenaù al la prezidantoj, ghis kiam ili propagandos la bultenon? Mi faros la eblon propagandi che ili. Al vi mi tre dankas la sendajhon, kaj mi informas al vi, ke "Jes Ja!" partoprenis en la ekspozicio, kiun ni montris je pasinta oktobro, dum la Seminario."
Jayme Pereira
Manaus/ AM

JES JA! respondas: la sendo de JES JA! al la asocioj eblas pere de abono. Bv. vidi la kolofonon.

HOMAJ RAJTOJ

## INTERNACIA AMNESTIO FARIGHAS 30_JARA



Supre desegnajho kiun Picasso donacis al la Amnestio.

En 1961 advokato Peter Benenson publikigis en brita jhurnalo artikolon titolitan "La Forgesitaj Prizonuloj", en kiu li lanchis ideon pri internacia kampanjo favora al la protektado de la homaj rajtoj. Ekestis Internacia Amnestio hodiaùe kun unu miliono da alighintoj en 150 landoj kaj naciaj sekcioj en 45 landoj. En Porto Alegre kontakteblas pere de la telefonnumero 25-0712.

El "Quintanares"

1991

## LA GRADOJ DE "JES JA!"

**10** al la esploroj pri instrumenta transkomunikado.

**9** al la administrado de PT en la urbodomo de Porto Alegre.

**8** al la revuo Esperanto.

**7** al la elekto de la monumento al la Lazkaptisto kiel oficiala simbolo de Porto Alegre.



La Lazkaptisto, de nun la oficiala simbolo de Porto Alegre

**6** al la brazila televido.

**5** al la nuntempa brazila popularа muziko.

**4** al la futbalo praktikata nuntempe che niaj stadionoj.

**3** al la t.n. "minimuma salajro". "Minimume" por kio?

**2** al la "Nova Brazilo" kiun oni elaltane promesis al ni.

**1** al la fantomaj asocioj en la Movado...

**O** al la 150 "popolreprezentantoj" kiuj balotis kontraŭ la kasacio de la deputito Jabes Rabelo. Jes ja!

1991

## SKANDALO = MULTE DA DOLAROJ



Okaze de debato pri la produktado de nigraj artistoj che USP oni multe plende kritikis la stratafishegon de Benetton sur kiu trovighas blonda kaj anghelaspekta vizagho de knabino apud nigra knabo kun hararangho aludanta al diablokorno. Alie la afishoj de Benetton estas famaj pro la polemikoj kiuj ili kaŭzas diverslande. La lasta kverelo estis kun Vatikano pro iu, konsiderita blasfema, sur kiu aperas pastro bushkisanta monakinon. Chu skandalo = multe da dolaroj niaepoke?

**ABONU "JES JA!": 3 NUMEROJ KONTRAŬ 6 POSHTMARKOJ.**

HUMURO

## SUR LA DIVANO

LA MASOKISTO




# Jes Ja!

LA MAGIISTO



LA SUBPREMULO



LA MEKANIKISTO



LA ALTECTIMULO



LA PLUSKOMPLEKSULO



"RICARDÃO"



CLÁUDIO SPRITZER

TEKNOLOGIO

## JAPANOJ INVENTIS PAPERBICIKLON

La Teknika Centro pri Bicikloj, en Japanio, disvolvigis projekton pri biciklo el "washi", la tradicia japana papero. La bicikla strukturo farighas el natura fibro fortikigita de plasto. Ghi pezas nur po 9 kilogramoj.




ABONU "JES JA!":
3 NUMEROJ KONTRAŬ 6 POSHTMARKOJ.